# Informilo de Ĝemelaj Urboj

N-ro 2 (2) septembro de 2002

EKSPRESO DE NOVAĴO

La projekto "Ĝemelaj Urboj" en UK kaj AK

Laŭ la propono de s-ro Renato Corsetti kaj s-ino Michela Lipari, s-ro Wu Guojiang redaktis raporton pri ĝemelaj urboj por la Fortaleza UK kiun ĉeestis 1484 personoj el 58 landoj. S-ino Lipari prezentis la raporton en la kunvenoj pri landa agado, en kiuj ĝemelaj urboj ankaŭ fariĝis la temo plej debatata.

Inter la 23-a kaj 25-a de aŭgusto en Koreio okazis la 3-a Azia Kongreso de Esperanto kun 409 efektivaj kongresanoj el 16 landoj. S-ro Hori Yasuo, prezidanto de KAEM, prezentis sur la podio la gratulajn vortojn el la komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj".

La gratulaj vortoj de la komisiito Wu Guojiang

Estimataj Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, Loka Kongresa Komitato kaj Korea Esperanto-Asocio, Karaj kongresanoj,

Laŭdate okazos la 3-a Azia Kongreso de Esperanto sub la subteno de la koncernaj instancoj, la prizorgo de Komisiono pri Azia Esperanto-Movado kaj la diligenta laboro de Loka Kongresa Komitato kaj Korea Esperanto-Asocio.En nomo de komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" mi sendas al vi ĉiuj miajn plej varmajn gratulojn.

La historio ne forgesos gravajn kontribuojn de Koreio en la evoluado de Esperanto-movado, precipe en la Azia Esperanto-movado, oni klare memoras sukcesan okazon de la 79-a UK en Koreio. Faris sur 1776 ĉeestintojn de la UK profundan kaj bonan impreson la diligenta laboro kaj la elstara organizado de Korea Esperanto-Asocio kaj tieaj esperantistoj. Ĝuste pro tio mi ja sentas varman etoson de la 3-a Azia kongreso de Esperanto kvankam mi ne povas ĝin ĉeesti.

"Interkompreniĝado inter kulturoj" estas tiu ĉi kongresa temo. Ĝi ankaŭ konformas al la celoj de la projekto "Ĝemelaj Urboj", kiu vekis grandan atenton en Esperantujo. Dume nemalmultaj kongresanoj diskutos pri la projekto kaj eble aranĝos renkontiĝon por esperantistoj el la ĝemelaj urboj laŭ propono de iuj ĉeestantoj. Mi kore esperas, ke la kongreso povu akceli la Esperanto-movadon en Azio kaj ricevi reagojn pri ĝemelaj urboj.

Mi kore deziras plenan sukceson al la kongreso.

Zamenhof-festo kaj ĝemelaj urboj

La estraro de Esperanto Ligo Berlin (Germanio) en sia lasta kunsido decidis, ke la temo de la venonta Zamenhoffesto, kiu okazos la 14-an de decembro, estu la rilatoj al la partneraj urboj de Berlin. Kelkaj ideoj, kiel dokumenti la rilatojn interese kaj amuze, estis kolektitaj, sed pliaj proponoj estas bonvenaj. Oni povas prezenti la etoson de la diversaj partneraj urboj per tipaj manĝaĵoj, trinkaĵoj, per muziko aŭ per kantoj.

Gravan parton havas la eldona aktiveco en la partneraj urboj. Berlin ekde la fondo de la Esperanto-grupo antaŭ 99 jaroj ĉiam havis mondkonatajn eldonejojn, al kiuj mi dankas gravajn kontribuaĵojn por la Esperanto-literaturo. Simile ankaŭ estas la situacio pri aŭtoroj, kiuj ofte vivas en Berlin, Varsovio, Prago, Vieno, Budapeŝto, Parizo ktp. Ne nur temas pri malnovaj aŭtoroj, sed pri freŝdataj verkoj de vivantaj verkistoj. La Esperanto-Ligo Berlin alvokas ĉiujn Esperantistojn,

precipe tiujn el la koncernaj partneraj urboj, aktive partopreni per proponoj kaj ideoj. Respondu al la adreso: esperanto.ligo@berlin.de (Roland Schnell)

La respondo el Germanio

Informiĝinte, ke esperantistoj el Fushun, Ĉinio, estas serĉantaj samideanojn en la germana ĝemela urbo Gladbeck, s-ro Ziko M. Sikosek, faris aktivan respondon kvankam li nun ne loĝas en Gladbeck, kie nur liaj gepatroj vivas. Li helpis al la esperantistoj el Fushun ekhavi nerektan kontakton kun la urbodomo de Gladbeck.. Iu oficisitino sendis al s-ro Wu Guojiang mesaĝon pri ĝemelaj aktivaĵoj inter ambaŭ urboj.

Forpaso de S-ro Masahiro MISAWA

S-ro Masahiro MISAWA, profesoro de Eduka Universitato en Hokkajdo (Japanio), eks-prezidanto de Hokkajda Esperanto-Ligo (HEL) kaj iama estrarano de Japana Esperanto-Instituto, forpasis la 17-an de aprilo 2002 en Sapporo pro cerba infarkto.

S-ro MISAWA partoprenis en la Universala Kongreso de Esperanto (UK) en Pekino (1986) kaj multfoje vizitis la ĉinan ĝemelan urbon Shenyang de Sapporo. Li multe kontribuis al la Esperanto-movadon kaj interŝanĝon inter la ĝemelaj urboj. En 1988 li vizitis Shenyang kaj interparolis pri ĝemeliĝo de universitatoj kaj esperantaj grupoj, kaj helpis al la Esperanto-kurso funkciigita de Shenyang-urba Esperanto-Asocio (SEA) ĉe la urba televida stacio. En 1989 li sukcesigis la viziton de respondeculo de SEA al Sapporo kaj la subskribon de la interkonsento pri la ĝemelaj asocioj inter HEL kaj SEA. (HOSHIDA Acushi)

**Ricevinte la mesaĝon s-ro Wu Guojiang, la komisiito de UEA pri la projekto" Ĝemelaj Urboj", esprimis la funebran saluton al S-ro MISAWA kaj la kondolencon al la tuta familio de S-ro MISAWA pere de s-ro HOSHIDA Acush.**

Reagoj al la projekto "Ĝemelaj Urboj" kaj sia revueto

1. Dank'al Pola Esperanto-Asocio kaj s-ro Zhang Shaoji el Ĉinio, prezidanto de Guangzhou-urba Esperanto-Asocio, N-ro 1 Informilo de Ĝemelaj Urboj estas legebla ĉe la retejoj: <www. esperanto.pl/index.php> kaj <www.chinaouc.net/agadu/cee/amikaurbo.htm>.

2. La cirkulero pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" aperis en N-ro 2 Verda Stelo /2002, trimonata organo de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, chinio. Ĝi ankaŭ troviĝas en la supremenciita retejo de Pola Esperanto-Asocio.

3. S-ro Roberto Sartor el Bonaera Esperanto Asocio en Buenos Aires, Argentino: Estimata amiko Wu, mi ricevis la revueton, kaj mi gratulas vin pro via laboro. La projekto de ĝemeliĝo estas tre interesa kaj utila por interŝanĝo kaj konatiĝo ĉefe inter nekonataj foraj urboj. Ekz. mi vere ne scias ekzakte KIE estas Fushun. Antaŭ kelkaj jaroj ni komencis ĝemeliĝi... sed la afero ne progresis. Mi restudos la aferon. Kvankam en la nuna situacio de mizera ekonomio, en nia lando la aferoj esperantistaj estas pli ol silentaj. Sed mi daŭrigos kontakton.

4. S-ro Francisco M. Oliveira el Departemento pri Komunikado de Brazila Esperanto-Ligo: Estimata Wu Guojiang, Ni demandas ĉu eblas, ke unu urbo, ekzemple Brasilia, kiu jam estas ĝemela urbo de Romo, ĝemeliĝu kun aliaj urboj. Se jes, nome de Brazila Esperanto-Ligo mi jam

proponas la ĝemeliĝon de Brasilia kun la urbo Pekino. Se eventuale la interkonsentoj pri ĝemeliĝo devas okazi je la nivelo de la koncernaj urbaj e-asocioj, ni plezure kontaktos Esperanto-Asocion de Brasilia, kun kiu ni havas federaciajn rilatojn. Poste, ni elektos aliajn urbojn en Afriko, Ameriko kaj Oceanio, tiel ke, en ĉiu kontinento la brazila ĉefurbo havu ĝemelan urbon. En la jaro 2007 Brazila Esperanto-Ligo centjariĝos kaj ni jam ekpaŝas al ellaborado de projekto por festi la centjariĝon. La eventoj, kiujn tiam ni okazigos, estu preteksto por la diskonigado de Esperanto en nia lando, kaj certe ni povos kapti la atenton de la neesperanta publiko se ni bone uzos tiucele la oficialajn ĝemeliĝajn ceremoniojn. Ni instigos ĉiujn E-asociojn de nia lando proponi ĝemeliĝojn kun aliaj urboj, kadre de la centjariĝaj eventoj. Ni plezure atendas viajn instrukciojn pri la necesaj proceduroj.

5. S-ro Juscelino Gama el Tanabi, San-Paŭlo en Brazilo: Estimata s-ano Wu Guojiang, saluton. Mi sugestas al vi kontakti la 'Redeesperanton', kiu temas pri internacia e-interrilato. Jen la adreso: <iii@redeesperanto.org.br>. Certe via servo tre utilos al ili kaj inverse! Miaflanke mi ne scias kian kunlaboron mi povos oferi al vi - pri ĝemeligoj - ĉar mi ĵus tranloĝiĝis al urbeto, kies nuraj esperantistoj estas mi, mia edzino, kaj du el niaj tri gefiletoj. En tiu urbeto mia nura ago por Esperanto estis: antaŭ monatoj mi prelegis pri Esperanto en klubo (internacia) nomata Rotary; Tie la ideo pri internacia neŭtrala lingvo estis bone akceptita, tamen la viroj (jes, nur viroj partoprenas la kunsidojn) ankoraŭ ne ekstudis Esperanton. mi daŭrigos la semadon…. Ni pensu globe, ni agu loke, ni laboru kune!

6. S-ro Alcyr Guedes de Almeida el Brazilo:  Estas plezuro helpi Vin. Diru kion mi devas fari.

7. S-ro Joaquim J. Mariano el Brazilo: Mi dankas vin pro sendo de la unua numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj. Mi disvastigos ĝin inter miaj geamikoj esperantistaj.

8. S-ro Kevin BOURNE el Britio: Saluton, S-ro WU, Mi estas s-ro Kevin Bourne kaj per ĉi tiu letero mi anoncas, ke mia urbo, aŭ pli ekzakte la urba regiono Reigate and Banstead jam estas ĝemeligita kun la germana urbo Eschweiler kaj la franca urbo Brunoy. Espereble ĉi tiu informo utilos al vi.

9. S-ino Milena Makaveeva el Razgrad en Bulgario: Saluton, s-ro Guojiang! Mi ricevis vian leteron pri la ĝemelaj urboj. Jes, nia urbo Razgrad, precipe ni, la junaj esperantistoj, havas ĝemelurbajn rilatojn kun esperantistoj de urbo Szombathely en Hungario. Se vi interesiĝas pri nia ĝemelurba amikeco, mi povas skribi materialon pri tio.

10. S-ro Xiao Peiliang el Changchun en Ĉinio: Dankon pro via informiĝo. Via laborado estas laŭdinda. Antaŭe Changchun ĝemeliĝis kun kelkaj urboj de fremdlandoj, i.a. Sendaj (Japanio), Novi Sad (eks-Jugoslavio), Flinst (Usono), Birmingham (Britio), iu korea urbo kaj aliaj… mi eblos verki ian prezentaĵon pri mia urbo.

11. S-ro Simono PETERSEN el Danio: Dankon pri la retposto, vi diris ke se mi havis iom da kritiko vi bonvenis ĝin. Do eĉ se mi ne memoras vin, mi havas iomete da kritiko. Ĝi kiel kutime estas tekniko (mia esperanto ne sufiĉas bone por korekti gramatiko ktp.) ... kiam vi skribas

retpoŝton , vi devas uzi la eksterliniajn citilojn (" ") ĉe ambaŭ flanko de la retpoŝton en la teksto. Se ne, ni ne povas klaki kaj skribu respondon sur la pozicio kie troviĝas la retposto. Pli ol ĝi mi ne havas kritiko. Bonvolu daŭrigi la bonan laboron.

12.S-ro Jerome Mathieu el Francio: Saluton, Mi dankas pri via mesaĝo. Estontece, mi ŝatus ne plu ricevi tiajn mesaĝojn, ĉar mi jam ne suksesas ĉiujn legi. Antaŭdankon. Mi deziras al vi plej grandan sukseson en tiu komisio, kiu plej gravas. Bedaŭrinde, mi scias ke mi ne trovos tempon kontribui. Ĉion bonan!

13. S-ro Coine Charton el Francio: do mi legis vian mesagon poste mi skribos.

14. S-ro Raymond Gueguen el Francio: Dankon por viaj informoj. Bonan laboron kaj kuraĝon.

15. S-ro John Murray el Irlando: Mi ricevis vian mesaĝon, sed mi bedaŭre raportas, ke mi ne scias multon pri via projekto. Mia urbeto ja estas oficiale ligita ĝemele kun urbeto en Francio, kaj mi lastatempe eltrovis, ke estas delegito de UEA en tiu franca urbo. Do mia nuna plano estas kontakti ŝin kaj esplori la aferon ekde tie. Sed eble via projekto temas pri io alia…

16. S-ino Maire Mullarney el Irlando:Kara samideano, mi estis dum jaroj Magistratano kaj pridiskutis aranĝoj pri ĝemeligo de mia graflando (South Dublin ). Kiam ni ĝemeliĝis kun Kreis Segeberg (Germanio ) mi tien iris grupe, kaj multe strebis interesigi kaj miajn kolegojn kaj niajn gastigantojn je nia lingvo. Mi malsukcesis, kvankam en nia Konsilio neniu (krom mi) kapablis paroli eĉ unu Germanan vorton kaj nur tri aŭ kvar germanaj povis paroli angle. Sed, strebu !

17. S-ino YAZAKI Yoko el Japanio: Estimata samideano, Via plano estas vere interesa. Mi loĝas en la gubernia urbo Fukushima (Hukusima, Hukushima), kiu ne havas ĝemelitan urbon. Ĉi-jare okazos la Japana Esperanto-Kongreso en Fukushima kaj dum la preparado mia grupo povos ekhavi interrilaton kun la civito. Eble ni povos rekte demandi, ĉu ĝi intencas ĝemeliĝi kun iu urbo en eksterlando.

18. S-ro Saeed Farani el Rawalpindi en Pakistan: Kara Wu, Koran dankon por la informo pri la ĝemelaj urboj. Mi sentos feliĉon se mi povus fari ion por via projekto.

19. S-ro Andrzej Marszalkowski el Pollando: Tre bona ideo tiu pri la Ĝemelaj Urboj. Verdire mi multfoje dum pli fruaj jaroj parolis kaj skribis pri tio, sed tiam la reagoj ne estis multaj. Nun estas alia konscienco. Estas bona espero por la estonto.

20. S-ino Sonja M. Brun el Svislando: Dankon pro via mesaĝo kaj informilo. Mi apartenas al la Lucerna Esperanto-Societo (LES) en Centra Svislando. Lucerno havas plurajn ĝemelurbojn kaj ankaŭ ni jam multe klopodis vigligi la esperantanojn en la koncernaj urboj. Mi antaŭendonos viajn informojn al miaj gekolegoj en LES kaj certas ke ili interesiĝos specife pri la temo de la ĝemeligitaj urboj. Mi informos vin pri la reago. Dume mi salutas vin plej sincere.

URBA STILO KAJ TRAJTO

Urba historio

Le Havre, fama havena urbo de Francio, situas norde en Normandio. Ĝia areo estas pli ol 200km$^2$. Ĝi estas alta industria urbo kun 22 dekmil homoj. Giaj ĉefaj industrioj estas ŝipo-fabrikado, mekaniko, aŭto, petrolkemio ktp. La haveno okupas ekvilibran pozicion en la ekonomia vivo de Le Havre, ĝi estas la dua granda haveno kaj la unua granda kontenera kaj ekster-komerca en Francio, kaj la kvina granda en Eŭropo. Ĝia ŝarĝ-malŝarĝa kvanto estas 5.44 miliono tunoj jare. Ĝi havas 250 marveturajn liniojn kaj tenas transportadon kun 500 havenoj en kvin kontinentoj.

Esperanto-movado

Frue en 1903 kelkaj pioniroj jam spertis unuajn esperantistajn internaciajn renkontiĝojn. Le Havra Esperanto-Asocio (HEA) estis fondita en 1904. Amikaj rilatoj unuiĝigas membrojn de la asocio. Novaj membroj aliĝadis al la asocio post la dekjaroj. Aktuale ili plejparte apartenas al la maturaj generacioj. La asocio konsilis al ili intereson de Esperanto kiam okazis miskompreno inter alilandanoj. Aliaj esperantistoj venis pro prezentado de Lidja Zamenhof, filino de la Kreinto de Esperanto, en Le Havre. Novaj samideanoj kontaktis la asocion pro varbado en informomedio. La membroj kunvenas regule por informi kaj praktiki. La membraro estis malkreskiĝanta sed ilia estonteco estos esperebla dank'al scivolemeco de personoj. (laŭ la leteroj de f-ino Sylvie Caron)

Ĝemelitaj urboj

Le Havre estas ĝemelitaj kun la urboj Southampton (Britio), Sankta Petersburgo(Rusio), Pointe-Noire (Kongo), Tampa (Usono) kaj Dalian (Ĉinio).  HEA sukcesis havigi amikan ĝemeliĝon kun la kluboj de Southampton kaj Sankta Petersburgo, sed bedaŭras nunan maloftecon de la rilatoj. Tamen pro la delegiteco en UEA, alilandanoj ofte vizitas HEA. (laŭ la leteroj de f-ino Sylvie Caron)

INTER GHEMELAJ URBOJ

Ĉinio

Inchon (Koreio) kaj Tianjin (Ĉinio) estas ĝemelaj urboj. Aŭguste s-ro Han Zuwu kaj s-ro Song Jingquan el Tianjin vizitis Inchon laŭ invito de Inchon Esperanto-Asocio. Dume ili ankaŭ vizitis la sidejon de Korea Esperanto-Asocio kaj partoprenis en la 3-a Azia Kongreso de Esperanto.(Bulteno de Tianjin-a Esperanto-Asocio)

Francio

Tikhvin, regiono Sankta Peterburgo (Rusio) kaj Herouville Saint Clair (Eruvil San Kler) apud Caen en Normandio (Francio), ĝemelis jam de 1991. La unuaj oficialuloj de Tikhvin vizitis siajn kolegojn en Herouville, en printempo 1991, sed la unua vizito de ordinaraj loĝantoj okazis samjare, en novembro, dank'al esperantista familio. Trajne venis Mikaelo Bronŝtejn kun siaj edzino kaj filo. En oktobro 1992, 11 membroj de nia grupo restadis dum unu semajno en Tikhvin kaj St Peterburgo dank'al la varma akcepto de la lokaj samideanoj. 4 tikhvinaj esperantistoj venis aŭtomobile por partopreni la SAT-Amikaran kongreson kiun ni organizis en 1993.

Aliaj renkontiĝoj okazis ĉiujare, ĉu en Tikhvino, ĉu en Herouville, ekzemple okaze de prelegvojaĝo de Mikaelo Bronŝtejn en 1996, post la UEA kongreso en 1998 (8 personoj), dum la OKSEJT en1999 (4 personoj de Herouville). En 2001, Saŝa Belov partoprenis maratonon en Caen. En junio 2002 Herouville akceptis 93 tikhvinanojn okaze de rusa kultursemajno. Inter ili estis tri

esperantistoj.

Tre certe, la esperantistaj interŝanĝoj en tiu ĝemelado estas la plej multaj kaj riĉaj. Tiuj tre aktivaj rilatoj estas konataj kaj agnoskitaj de la urbaj instancoj, despli ke en ambaŭ urboj la esperantistoj ankaŭ tre aktivas kadre de la porĝemelaj instancoj. En Tikhvin, Saŝa Kandalinski estas la ĉefa instruanto de la franca lingvo en eksterlernejaj kluboj. En Herouville, ni partoprenas la estraron de la asocio Amikeco kaj Solidareco kun Tikhvin.

La urbo malavare subvencias nian klubon kaj helpis Mikaelo Bronŝtejn per ŝoforo kaj aùtomobilo por komerce traktadi en Alzaco (je 500 km de ni) kun entrepreno (membro de TAKE).Anoncoj regule aperas pri la esperantaj kursoj en la lokaj informiloj, sed ĝis nun neniam okazis oficialan instigon de la urbaj instancoj (tio okazas pri la instruo de la rusa kaj de la franca lingvoj). Ambaŭ esperantistaj kluboj jam interŝanĝis ideojn por starigi komunan kurson kaj reklamon sed ĝis nun ne sufiĉe serioze pripensis la aferon.

Herouville ankaŭ ĝemeliĝas kun la urboj Garbsen (Germanio) kaj Agnam (senegala), kie videble loĝas neniu esperantisto. Nia klubo “Herouville Esperanto “ ekzistas de 1984. Membras pli ol 30 personoj. Ni organizas du nivelajn kursojn, ĉiun mardon. Informoj pri Normandio konsulteblas ĉe (tradukis nia klubo) :<http://www.normandy-tourism.org>(Yves NICOLAS)

Italio

La urbo Milano estas oficiale ĝemeligita kun la urboj San Paŭlo (Brazilo), Birmingham (Britio), Shanghai (Ĉinio), Lyon (Francio), Frankfurt/Main (Germanio), Leipzig (Germanio), Barcelono (Hispanio), Tel Aviv (Israelo), Bethlem (Palestino), Osaka (Japanio), Krakov (Pollando), Sankt Peterburg (Rusio), Dakar (Senegal) kaj Chicago (Usono). Jam en la jaro 1994 Milana Esperanto-Klubo (MEK) enketis ĉe ĉiuj urboj ĝemeligitaj kun Milano kaj ricevis pozitivan respondon de franca Lyon, germanaj Frankfurt/Main kaj Leipzig, rusa St. Peterburg kaj japana Osaka. De tiam MEK sendas regule ĝian du-monatan kluban bultenon kaj ricevas la ilian (malofte de Leipzig, kiu ĉijare silentas). Okaze de kristnaskaj kaj finjaraj tagoj, MEK sendas la bondezirojn subskribitajn eĉ de la skabeno pri Ĝemelaj Urboj de Milana Komunumo al la ĝemelaj kluboj, kaj reciproke ricevis iliajn bondezirkartojn, kutime sen oficialaj subskriboj. MEK klopodis interesigi tiun skabenon sed akiris nenion krom afablajn kaj simpatiajn vortojn. Certe, li estas preta transdoni, pere de sia kolego en tiu urbo, ĝian mesaĝon al la esperantistaj grupoj en la ĝemelaj urboj, okaze de iu iniciato inter Milano kaj tiuj ĝemelaj urboj, kaj reciproke. Sed li diris ke oni ne vidas kiel oni povas kunlabori dum alispecaj iniciatoj fare de la du urboj. Kaj alude li komprenigis ke MEK ne povus esperi partopreni en tiuj komitatoj kaj delegacioj, ankaŭ ĉar poste estas antaŭviditaj senpagaj vojaĝoj k.t.p...Oni povas konkludi ke tiuj rilatoj estas utilaj kaj esperantisme laŭcelaj, kvankam iom post iom ili fariĝas rutinaj. (Ermigi Rodari kaj Gianfranco Polerani)

SERVA PLATFORMO

Aŭstrio

Otmar LIEBHART <otmar.liebhart@esperanto.at>, 30-jarulo, el la okcident-austria urbo Innsbruck, interesiĝas pri la lando Rumanio, mi volonte ekscius la ĝemelajn urbojn de la urboj en Rumanio, kiu troviĝas en Aŭstrio aŭ Sudgermanio.

Italio

La Esperanto-Grupo en Fraskati, Italio, decidis organizi Esperanto-eventon kunlabore kun esperantistoj en la ĝemelaj urboj. Tiuj ĝemelaj urboj estas Bad Godesberg (Germanio), Kortrijk (Belgujo), Saint Cloud (Francio), Maidenhead (Britio). Kontaktu s-ron Carlo Masella <carlo.masella@tin.it>

LA REDAKTORO PAROLAS

Mi estas kortuŝita, ĉar multaj samideanoj komprenas kaj subtenas la projekton "Ĝemelaj Urboj", samtempe mi estas ĝoja, ĉar pliabundas informoj pri tiu kampo, i.a sinceraj proponoj. Tio signifas, ke la projekto jam fariĝas temo priatenta en la Esperanto-movado, kaj fariĝas efika metodo disvastigi kaj praktiki nian lingvon. Mi ne povas ne pardonpeti de vi pro tio, ke mi ne povas aperigi ĉiun informon kaj raporton en tiu ĉi numero. Certe mi aperigos ilin en la sekvaj venontaj numeroj. Mi atendas viajn mesaĝojn kaj esperas, ke vi daŭre diskonigos la laborplanon de la projekto kaj tiu ĉi ret-revueton inter viaj membroj, kaj al viaj samideanoj kaj E-organizaĵoj en viaj ĝemelaj urboj. Ni kunvenu per Esperanto. Ni interamikiĝu per ĝemelaj urboj.
(la venonta numero aperos en decembro)

***************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-7100871 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso:amikeco999@21cn.com